

# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Septembro / Oktobro (4) 2011

# Centjariĝo de teknika sensacio

## La 7an de Septembro 1911 estis inaŭgurita la tunelo sub la rivero Elbe

La kupolo super la tunela enirejo en St. Pauli

Foto: U. Niesert


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 43188347
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

finiĝis la somera feria tempo, pasis la UK en Kopenhago kaj pasis nia Hamburga Somero. La UK (laŭ rakontoj de ĉeestantoj) estis multekosta, la UK venontjare okazos en tre fora lando kaj en 2013 Islando estos eĉ pli multekosta.

Nia Hamburga Somero taŭgis por ŝpari: Kompare al aliaj kunvenoj en Esperantujo niaj kotizoj estis ridinde malaltaj. Tamen komence ŝajnis, ke ni restus inter ni, ĉar aliĝis nur du personoj kaj du aliaj eble intencus veni. Sed la tuta afero ŝanĝiĝis, kiam alvenis kvar Kroatoj, kvar Japanoj, kvar Francoj, unu Ruso kaj du Belginoj. Do ni devis konstati, ke la ideo tamen estis bona, inviti homojn, survoje al Kopenhago, travivi belan semajnon en Hamburg. Ni Hamburganoj investis multan laboron, kaj ni rikoltis dankon, laŭdon kaj ĝojon.

La etoso dum la tuta semajno estis tre agrabla kaj ne ĉeestis iu ĝena persono; eĉ la fi-fama *Hamburga vetero* estis nur Vendrede, la aliaj tagoj estis bele varmaj.

La 3an de Septembro ni havos gastojn, kiuj loĝas el la regiono apud la malsupra *Visurgo* (Weser). Ili deziras kune kun ni rigardi la novan kvartalon en la *Havena Urbo* de Hamburg.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*



**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

La somero en Germanio
nur estas
verde pentrita vintro.

Heinrich Heine (1797 - 1856)

**Redaktofino**
**de n-ro 5/2011: 15-10-11**

**Redaktofino**
**de n-ro 1/2012: 15-01-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 2/2011: 15-03-12**

# Centjara tunelo

En la jaro 1911 estis vere sensacio, inaŭguri tunelon sub rivero. La Hamburga tunelo estis la unua sur la Eŭropa kontinento. En Londono jam en 1843 oni finis la konstruadon de tunelo sub *Rivero Tamizo*, sed tiu neniam estis uzata por veturado de kaleŝoj.
La Hamburga tunelo kostis 10,7 milionojn da *oraj markoj*. Por la konstruado laboris 4400 laboristoj.
La tekniko de tunelbormaŝino kun aerprema sekur-sistemo ankaŭ en Londono estis uzata por metrotunelo en 1869. Specialaĵo de la Hamburga tunelo estas, ke ne ekzistas ramploj por enveturi, sed pluraj liftoj transportas veturilojn al la ebeno de la tunelo, 24 metojn sub la strata nivelo.


Foto: U.Niesert



Foto: KMJ/Vikipedio

La 4 grandaj el entute 8 liftoj havas longecon de 9,5 metroj kaj povas levi veturilojn kun pezo de ĝis 10 tunoj.
La du tuboj havas longecon de 426,5 metroj kaj alton de 6 metroj (por kaleŝo kun staranta vipo), sed ili nur estas 1,92 metrojn larĝaj. Kiam en 1909 oni komencis konstrui la tunelon, plej multaj veturiloj sur la stratoj ankoraŭ estis tiritaj de ĉevaloj. En la liftoj estas loko por du normalaj modernaj aŭtoj.
Piede eblas senkoste trairi, por aŭto kostas € 2,–.
Jam en 1911 oni devis pagi por veturiloj: Inter 0,50 kaj 4,– markoj depende de la pezo. La marko en tiu tempo estis tre valora valuto: La salajro de simpla Laboristo estis malpli ol 0,50 markoj hore. Pro tio oni senkoste piede rajtis trairi ekde la komenco.

**Forpasis nia honora membro**

## Elsbeth Wielgus nask. Schneider

* 9.12.1928 † 3.8.2011

Esperanton ŝi eklernis en 1948 en kurso de *August Weide*, kune kun sia tiama fianĉo *Heinrich Wielgus*. Dum 60 jaroj ŝi estis membro de nia Societo kaj dum multaj jaroj nia prezidantino, kuiristino, dommastrino kaj „la patrino de la klubo“.
En 2004 ŝi fariĝis honora membro de HES.
Sian 80jariĝon en 2008 ŝi festis kune kun la klubanoj en la kulturbutiko.
Poste ŝi venis nur malofte al la klubaj kunvenoj, ĉar ŝia sanstato estis malbona. Nun ŝi sekvis al sia edzo, kiu mortis en Oktobro 2009.
Por multaj el niaj membroj ŝi estis bona amikino.
Al ni mankos ŝia varmkora personeco kaj ni tenos ŝin en niaj memoroj.

La estraro kaj la membroj de
Hamburga Esperanto-Societo r.a.



**Elsbeth Wielgus kaj Jürgen Wulff dum honoriga festo en 2004.**

Foto: Glomp

# Adiaŭ, kara Elsbeth!

La funebra ceremonio por Elsbeth Wielgus okazos Lundon, la 22an de Aŭgusto 2011 je la 14a horo en la funebra salono de **GBI**, malantaŭ la Restoracio ***Rosengarten*** en Alsterdorfer Straße**.**

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St.Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg • 19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

Ĵaŭde de 17.00 h ĝis 19.00 h ***Paroliga Rondeto:*** praktikado kaj ekzercado de la lingvo

* Bonvolu rigardi artikolon sur alia paĝo

## Septembro

**1** **La Simpsonoj**
*La Simpsonoj* estas animea televidprogramo. La disvolvigo de la serio uzas komedion por pritrakti multajn flankojn de usona kulturo kaj familia vivo. Multaj kritikantoj diras, ke la Simpsonoj estas la plej bonkvalita animea programo. La revuo “Time” nomumis ĝin la plej bonkvalitan televidprogramon de la 20-a jarcento en 1998. (Ĉirkaŭ 25 minutoj).

**3** (Sabato) **Vizito de la Havena Urbo** *
kun niaj amikoj de la *Esperanto-Grupo Subvisurgo*

**8** *Pia Haasis:* **Kvizo surpriza**
(Ne ĉiu demando havas rilaton al Esperanto)

**15** *Benno Klehr:* **Transitiva verbo**
laŭ „ABC-mempraktikilo pri ĉefaj ĉapitroj de la Esperanta Gramatiko“
de Ch. De Vleminck kaj E. Van Damme.

**21** Merkredo 18.30 h **Estrarkunsido** (publika)

**22** **20:00 Uhr - Öffentlicher Vortrag * im großen Saal im Obergeschoss**
*Prof. Martin Haase:*
**Neusprech im Überwachungsstaat:**
Politikersprache zwischen Orwell und Online
Prof. Martin Haase erhielt im Juni 2011 für seinen Blog neusprech.org den Grimme Online Award 2011.

**23** Vendredo **20a horo**
en la granda salono en la teretaĝo
*Prof. Martin Haase:*
**Lingvoplanado tra la jarcentoj** *

**24** Sabato **11a horo** en Norderstedt
**SHELO-jarkunveno** *

**29** *Gerald Roemer:*
Grandega, precizega, interpretebla:
**Skulptisto Tony Cragg en Wuppertal**

## Oktobro

**6** **Esperanto – Pasporto al la tuta mondo**
Amuza lernfilmo pri la familio Bonvolu. Antaŭe parto de Mazi en Gondolando. (30 minutoj.)

**13** *Benno Klehr:*
**Ekzercoj pri la Akuzativo**
laŭ Edit Slezákné Tar (2)

**19** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunsido** (publika)

**20** *Peggy Ley:* **UEA lingvo-ekzameno**
Raporto laŭ personaj spertoj

**27** Filmo: **Konrad Duden** – Der deutschen Sprache auf der Spur (1)
(60 min.)

## Novembro

**3** Filmo: **Konrad Duden** – Der deutschen Sprache auf der Spur (2)
(60 min.)

# Hamburg-Enigmo

Kie en Hamburg troviĝas tiu ĉi konstruaĵo?
Ĝi troviĝas en loko kun grava signifo por la Eŭropa historio.



**Sabaton, 3-an de Septembro 2011**
**Renkontiĝo kun**
**Esperanto-Grupo Subvisurgo** (Unterweser)

Post nia renkontiĝo en Bremen en Majo, nun okazos komuna vizito al la *Havena Urbo* en Hamburg.
Ni renkontiĝas je la 10:30 h ĉe Reisezentrum en la centra stacio en Hamburg.



# Martin Haase:
# Lingvoplanado tra la jarcentoj

## Prelego en Esperanto

## Vendredon, 23a de Septembro 2011
## 19:30 en la kulturbutiko
## Alexandersraße 16
## 20099 Hamburg

Lingvoplanado ne estas nova fenomeno. Ekde la mezepoko homoj okupiĝas pri tiu temo; en la 18a kaj 19a jarcentoj ĝi fariĝis tre grava kaj pluraj ĝis tiam ne normigitaj lingvoj estis reguligitaj en maniero simila al la lingvoplanaj iniciatoj de Zamenhof.
Kompari diversajn lingvoplanajn entreprenojn montras, ke la diferenco inter etnolingvo kaj planlingvo ne estas tiom granda.

***Prof. d-ro Martin Haase*** gvidas la latinidan fakon ĉe la universitato de *Bamberg.* Dum lia studado li vivis dum kelka tempo en Hamburg. Al multaj Esperantistoj li estas konata el lia studenta tempo, kiam li ludis en teatra grupo de Germana Esperanto-Junularo en teatraĵoj kiel *La kalva kantistino* kaj *Kato sur varmega ladotegmento* aŭ *Pupohejmo* de Ibsen.

# Vortrag von Prof. Dr. Martin Haase

## (ausgezeichnet mit dem Grimme Online Award 2011):

# Neusprech im Überwachungsstaat:

## Politikersprache zwischen Orwell und Online



Infolge der Anschläge vom 11. September 2001 ist die „Innere Sicherheit" zu einem wichtigen Thema der Politik geworden. Während sich Politiker durch sicherheitspolitische Maßnahmen Zuspruch erhoffen, ist die mit solchen Maßnahmen verbundene Einschränkung der persönlichen Freiheit problematisch und unpopulär. Daher versuchen Sicherheitspolitiker, ihre Pläne rhetorisch- sprachlich so zu verpacken, dass positive Aspekte hervorgehoben und negative ausgeblendet werden. Neben der inhaltlichen Verharmlosung von Vorratsdatenspeicherung, Onlinedurchsuchung, Videoüberwachung usw. nutzen sie sprachliche Mittel, um ihre Maßnahmen durchzusetzen. Negativ besetzte Wörter werden durch positive ersetzt und rhetorische Muster werden verwendet, um Probleme zu vertuschen. Der Vortrag beleuchtet Merkmale der Politikersprache, die in Anlehnung an George Orwell als „Neusprech" bezeichnet werden kann.

*Prof. Dr. Martin Haase* ist Inhaber des Lehrstuhls für romanische Sprachwissenschaft an der Universität Bamberg.
Haase spricht Deutsch, Englisch, Französisch, Okzitanisch, Italienisch, Spanisch, Katalanisch, Baskisch und Esperanto. Außerdem beherrscht er die Deutsche Gebärdensprache.

## Vortrag in deutscher Sprache am
## 22. September 2011
## im Kulturladen St. Georg
## Alexanderstraße 16
## 20099 Hamburg

# Solvo de Hamburg-Enigmo



La konstruaĵo sur la enigmo-foto estas la *Amtshaus (administrejo)* en Kirchdorf. Sur la foto supre oni vidas *Grafinon Sophie Dorothea de Wilhelmsburg* (1666 – 1726), kiu heredis la kastelon *Stillhorn*, kiu staris en la loko de la nuna muzeo *Amtshaus*.
Ŝiaj filo *Georg August* fariĝis *Reĝo Georgo 2a de Anglio* kaj la filino *Sophie Dorothea* fariĝis prusa reĝino, la patrino de *Frederiko la Granda*.

# Metrolinio U3 interrompita

Inter la 9a de Majo kaj la 3a de Oktobro 2011 la metrolinio U3 ne funkcias inter la haltejoj *Berliner Tor* kaj *Mundsburg*. Anstataŭe estas uzataj busoj U3.
Kaŭzo estas la necesa renovigo de pluraj pontoj kaj viaduktoj, kiuj estis konstruitaj inter 1909 kaj 1912. Ankaŭ la fera stacidomo en *Uhlandstraße,* kiu ne estis detruita dum la milito, bezonas restaŭron. La stacio estas en tiu loko, kie komenciĝis la konstruado en 1909. Dum la restaŭrado de la viaduktoj oni konstatis, ke oni ne povas sukcese fini la laborojn ĝis la 28a de Aŭgusto, kiel estis planite, sed devis plilongigi la tempon ĝis la 3a de Oktobro.



**Apud Uhlandstraße** Foto: Benno Klehr

## Karl-Hermann Simon 1930–2011

Li lernis Esperanton en 1978 kaj en 1981 komencis formi fakgrupon sub la nomo „Internacia Forstista Rondo Esperantlingva“. Ĝia ĉefa tasko estis laboro pri la plurlingva forsta terminaro *Lexicon Silvestre*, kiu aperis inter 1997 kaj 2000 sub redakto de Simon.

# Jara Kunveno de SHELO 2011

## Sabaton la 24an de septembro 2011 je la 12:00 horo en Restoracio *evento,* Rathausallee 35, Moorbek-Passage, 22846 Norderstedt (U Norderstedt-Mitte)

| | |
|---|---|
| 11:00 | Tempo por renkontiĝi |
| 12:00 | Jarkunveno de SHELO |
| 12:30 | Tagmanĝo |
| 14:00 | Vizito de la ĝardena ekspozicio |
| 17:00 | Adiaŭo |

# Ekskurso al Bremen

La 21an de Majo 13 membroj de HES vojaĝis al Bremen, por tie renkonti Bremenanojn kaj apude loĝantajn amikojn. Ni komune tagmanĝis en Vegesack bone antaŭmenditan varian manĝaĵon. Poste ni promenis (migris!) tri kilometrojn laŭ rivereto al kastelo Schönebeck, rigardis ĝin kaj daŭrigis la promenadon al kafejo en la arbaro. La menditaj 20 seĝoj ne sufiĉis: Ni estis 24 personoj! Vere estis bone organizita renkontiĝo. Dankon al Bremenanoj.



# Neuer Esperanto-Kurs an der Uni Hamburg

ANMELDESCHLUSS: Mittwoch, 26.Oktober 2011
KURSBEGINN: Dienstag, 1. November 2011, 16 Uhr
KOSTEN: 29 Euro für Studierende (mit Studienbescheinigung) 45 Euro für Nicht-Studierende

# Hamburga Somero 2011

Per somera festo en salono de la kulturbutiko (t. e. Kulturladen St. Georg) finiĝis unu semajno kun prelegoj kaj ekskursoj en kaj ĉirkaŭ Hamburg. La ĝenerala temo de la prelegoj dum la renkontiĝo estis ekologia vivmaniero.



**Jutta, Vanja, Ralph, Pia, Jürgen, Vedran kaj Zrinka (meze) en *Stade***

Ankaŭ la interparoloj inter la partoprenantoj ofte havis la temon, kiel vivi konscia pri la medio. Dum la ekskursoj al la urbo Stade kaj al lokoj en Hamburg ni uzis publikan trafikon. La urbo Hamburg, kiu estas Eŭropa Verda Ĉefurbo en 2011, ebligis al ni, sperti pri la multaj manieroj de komforta moderna vivo en harmonio kun integra naturo. Energio estos la plej grava elemento de estonteco. Ĉiuj partoprenantoj lernis almenaŭ ion novan por sia vivo.

*Benno Klehr*



**François, Liliane, Gerda, Horst kaj Jutta antaŭ kirko en Stade.**



**Ralph, Venja, Jürgen kaj Inge**

# Miaj impresoj

Estas nekontesteble: La HES-membroj volonte organizas, egale kion, ĉefe ni sidas kune kaj planas.
Ekzakte tiel estis ankaŭ ĉi-foje.
2011 estis UK en Kopenhago. Ekzistis nenia dubo. Klare, ni bezonas Hamburgan Someron.
Sakoj, plenaj de ideoj, proponoj, taskoj k.t.p. kuŝis sur tablo.



**Tojoko, Peggy, Gerald kaj Ralph**



**Birgitt kaj Ite dum la „somera" festo en la salono. La etoso estis tre malstreĉita kaj gaja. La manĝaĵoj estis variaj kaj abundaj kun salato. Sur la rostokrado ne nur estis viando, sed ankaŭ fungoj kaj terpomoj.**

Ni kunsidis kaj diskutis, forĵetis kaj enkondukis ĝis ni ĉiuj estis kontentaj.
Per gazetoj kaj folioj ni varbis por nia renkontiĝo.
Kaj ili venis: Japanoj, Francoj, Kroatoj, Belgoj, eĉ Siberiano el Omsk.
Niaj programoj plaĉis al ĉiuj (precipe mi). La gvidantoj estis vestitaj per verda T-ĉemizo kaj la gastoj ricevis flavan saketon. Tiel ĉiuj sciis kiu estas kie.
Normale nun venas dankesprimoj. Ĉiuj faris sian plej bonon.
La ekskurso el *Stade* kun *Benno, la* rondirado tra *St. Georg* kun *Jürgen*, tra *Altona* kun *Gerald*, la *Havena urbo* kun *Kerstin*, referaĵoj de *Gerald* kaj *Benno*, nia memorvespero kaj nia festo en la Kulturladen.
*Oskar* kaj *Kai* vendrede vespere dorlotis nin per delikataĵoj de la rostokrado.
*Venja* recitis poemon de la fama poeto *Miĥail Lermontov.*
Ne nur por mi nia Hamburga Somero estis sukcesa kaj plezurplena evento.

*Hannelore Brunow*



**Marie-José kaj Bernard interesite aŭskultas prelegon. La prelegojn prezentis Gerald kaj Benno, la tutan programon prizorgis Ralph, kvazaŭ kiel ĉefa deĵoranto. Urbogvidadojn faris Jürgen, Kerstin, Gerald kaj Benno.**




**Gerd, Marianne kaj Mariko**



**Inter 23 gastoj: Jutta kaj Hannelore**